21ª Jaro - Nº 6 (220) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Junio 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908ª

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Poŝtĉeko de la LIGO: Nº 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj : H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento

Antaŭ Jubileo

## Ĉiuj ni iru al la Bruĝa Kongreso

« Belga Ligo Esperantista » festas, tiun ĉi jaron, sian jubileon.

Jam de tridek jaroj ĝi ekzistas, ĝi vivas. Kaj, kiel en ĉiu vivo, tagoj ĝiaj estis iam feliĉaj, iam malfeliĉaj.

Ĝi travivis krizan periodon, tre gravan krizan periodon — la militan. Jam antaŭ 1914, operacio estis por ĝi necesa — la Idista agitado necesigis ĝin. Sed ambaŭfoje, ĝi sukcese trapasis la malfacilaĵojn.

Ĝi ankaŭ konis funebrojn. La pasintaj monatoj precipe, je tiu vidpunkto, estis kruelaj.

Sed ankaŭ ĝi konis helajn, belajn tagojn, en kiuj ĉio vokis rideton sur la vizaĝojn.

Tiajn tagojn ni denove konos proksiman monaton, kiam, multnombre, ni renkontos unu la alian, en jubilea atmosfero en Bruĝo.

Ni ne diru malbonon pri la antaŭaj kongresoj. Ni precipe ne diru malbonon pri tiuj, kiuj ilin organizis. Ĉiuj gvidantoj ja estas inter ili.

Sed tamen ni povas atesti, ke jam de longaj jaroj, neniam plu kongreso sin prezentis en tia festa atmosfero.

En unu el la unuaj komunikoj forsenditaj de la Loka Kongresa Komitato, ni legis :

> « La L.K.K. certigas ke NENIO mankos en nia jubilea kongreso ; la Belga kaj eĉ eksterlanda samideanaro zorgu siaflanke por ke ankaŭ manku NENIU ! »

Kaj efektive la programo, kiun oni jam al ni prezentis, estas vere alloga; ne nur alloga, sed plenplena ; tiel plenplena, ke la L.K.K. hodiaŭ avertas, ke ĉio devos nepre komenciĝi je la ĝusta horo. Se ni volas ĉion digesti, kion oni, ankaŭ ekster la festeno, antaŭmetos al ni, oni devos — kaj pripensu ni estas en Belgujo —, ĉion komencigi je la akurata horo !

La L.K.K. do faris honoron al sia parolo.

Ĉu nun la belga kaj eksterlanda samideanaro respondis la alvokon de la Komitato.

Jes, Karaj Geamikoj, kaj tio estas ĝuste la plej ĝojiga fakto en la hodiaŭa cirkonstanco. Je la momento, kiam ni skribas tiujn liniojn, tio estas kompreneble kelkajn tagojn antaŭ ol vi legas ilin, kaj plenan dekkvinon antaŭ la Kongreso, 170 kongresanoj enskribigis sin.

Cent sepdek jam, kiuj, malgraŭ la krizo, kiu ja trafis nin ĉiujn, en pli aŭ malpli grava rilato, tamen volas iri, volas ĝui la kontentecon povi diri poste : « La jubilean Kongreson en Bruĝo... en 1935... Ho jes, mi ĉeestis. »

Centsepdek, kiuj alvenos el ĉiuj direktoj, el ĉiuj provincoj de Belgujo kaj ankaŭ el ĉiuj al nia lando proksimaj landoj.

Centsepdek, kiuj sabate vespere gaje interkonatiĝos kaj kiuj poste, dimanĉe kaj lunde, gaje pasigos kune festenante, babilante, ankaŭ iom aŭskultante, kaj fine promenadante kaj dancante, kvindekon da belaj horoj, feliĉigan ponton inter du longaj serioj de laborplenaj kaj, por multaj, ankaŭ zorgoplenaj tagoj.

Lastan alvokon ni, se necese ankoraŭ faras al tiuj, kiuj ĝis la lasta momento hezitis : Ilia prokrastigo kostos al ili kvin frankojn (la kotizo nun kostas efektive dudek frankojn); sed ili pripensu : Kio estas unu «Belga», kiam antaŭspeguliĝas antaŭ niaj okuloj, ĉiuj ĝojoj de la plej bela en la plej riĉa vico de la Belgaj Kongresoj. Oni ne hezitu do.

Kaj al la aliaj, tiuj, kiuj jam decidis; tiuj kiuj jam pagis; tiuj, kiuj jam sin preparas, ni diras :

« Ne forgesu vian valizon, nek vian « sun »-ombrelon ; ne forgesu vian steleton aŭ eĉ stelegon ; sed precipe, ne lasu hejme vian bonan humoron, la belan humoron, kiu nin ĉiujn karakterizas, kiuj kune laboras por bela ideala afero !

Maur. JAUMOTTE.

## La sekvanta Kongreso

Ke Belga Ligo denove tute norme kaj normale laboras, pruvas la fakto, ke, dum la Kongreso en Bruĝo, ĝia estraro jam povos komuniki al la kongresantoj, la lokon de la proksimjara festo, kun la tuta certeco, ke tie bona loka komitato laboros, kiu, jam de nun, pristudas la aferon, tiel ke ĝi tuj povu eklabori, kiam la 24a estas for.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Brugo 8-9-10 Junio 1935.**

*10-a INFORMBULTENO :*

Nia XXIV-a iĝas granda sukceso, vera jubilea festo. La nombro de aliĝantoj kreskas rapide kaj ĉiutage, (vidu la liston ĉi sube). La prokrastemuloj ne plu hezitu, ili sendu TUJ sian aliĝon kun pagoj al P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto, Brugo », se ne ili bedaŭros poste, ke ili ne partoprenis la plej belan feston el la enlanda esperantista vivo.

La kongresprogramo estas abunda, tial la organizantoj klopodos por ke ĉiu el ĝiaj punktoj okazu je la AKURATA HORO, SEN IA PROKRASTO. La malfruiĝantoj estos malpravaj !

La L.K.K. ankoraŭ insiste atentigas, ke ĉiuj mendoj pri loĝado devas esti senprokraste sendataj al la Loĝada Fakestro, Vicprezidanto de la Kongreso : S-ro *Edouard Verbeke*, Hotelo « GOUDEN HOORN — CORNET d'OR », placo Simon Stevin, 2, Brugo. Dum la Pentekostaj tagoj, la turistaj amasoj estos grandegaj en Brugo, kaj estas nepre necese *antaŭmendi* siajn ĉambrojn. Antaŭpago ne estas postulata.

S-ro Verbeke, fakestro por la loĝado, ne povas garantii trovi ĉambron en la urbo, por tiuj, kiuj mendus lastmomente.

*Kompletigo de la programo :*

Sabaton, 8an de Junio, je la 22a : Interkonatiĝa Vespero. Tiu okazos en la sama ejo kiel la dimanĉa vesperfesto : «Muntpaleis — Palais de la Monnaie», sur la samnoma placo. La L.K.K. ĉion aranĝis por ke tiu vespero estu plej agrabla.

*Kelkaj informoj :*

— En la hotelo «Gouden Hoorn — Cornet d'Or», kie estos la akceptejo, kaj kie okazos la sabata laborkunsido kaj la dimanĉa festeno, funkcios vendejo de poŝtmarkoj, poŝtkartoj, ktp. — Plie, dum la dimanĉa kaj lunda festotagoj, la oficiala helpa poŝtoficejo : Potterierei, 1, Quai de la Poterie, estos malfermata por la kongresanoj.

— Kongresanoj povas ricevi kelkajn invitkartojn por la dimanĉa vesperfesto, por donaci al ne-esperantistaj familianoj aŭ amikoj. Tiucele ili skribu *senprokraste* al la kongresa adreso : Wijnzakstraat, 4, Rue de l'Outre.

— S-ro Henri Baels, Provincestro de la Okcident Flandrio, Honora Prezidanto de la Kongreso, faros al ĝi la honoron, ĉeesti la komunan fotografadon kaj, je la sama okazo, akceptos en la Provinca Palaco, la kongresan komitaton.

*Sepa listo de Kongresanoj :*

76 F-ino Nachtergaele Juliette, Gento.
77 S-ro Sielens Henri, Antverpeno-Borgerhout.
78 S-ro Roost Marcel, Antverpeno.
79 S-ro Decoster Charles, Brugo.
80 S-ino Decoster Charles, Brugo.
81 S-ro Decoster Jozef, Brugo.
82 S-ro Ed. Verbeke-Deman, Brugo.
83 S-ino Herreweghe-Verbeke, Gento.
84 S-ro Verbeke-Herreweghe, Brugo.
85 F-ino Loquet Jeanne, Antverpeno-Wilrijck.
86 S-ino Van Bockel, Antverpeno.
87 S-ro Van Reybrouck, Antverpeno.
88 S-ino Van Reybrouck, Antverpeno.
89 S-ro Van Meegeren, Venlo.
90 S-ro Bernaert Neron, Brugo.
91 S-ino Sabbe-Deveen, Brugo.
92 S-ro Bolsius Max, Antverpeno.
93 S-ino Bolsius Max, Antverpeno.
94 D-ro Vanderbiest, Bruselo.
95 F-ino Morrens Jeanne, Antverpeno.
96 S-ro Jehansart Vital, Brugo
97 F-ino Leibbrand Corrie, Brugo.
98 S-ro Groothaert Georges, Brugo.
99 S-ino Groothaert Jeanne, Brugo.
100 F-ino De Kersgieter Suzanne, Brugo.
101 S-ro Castel Hector, Bruselo.
102 S-ino Castel Lucy, Bruselo.
103 F-ino Weissenborn Suzanne, Brugo.
104 S-ro Stroobandt Auguste, Brugo.
105 S-ino Stroobandt Alice, Brugo.
106 F-ino Volckaert Cécile, Varsenare.
109 S-ro De Vooght Pierre, Brugo.
110 S-ro Opal, Bruselo.
111 S-ino Van Wanseele Brigitte, Aalst.
112 S-ino Driessens Marie-Madeleine, Brugo.
113 S-ro Bastine Louis, Paris.
114 S-ro Martiny Charles, Vottem-Liége.
115 S-ino Ems Klara, Krefeld.
116 S-ro Weissenborn J. H. Antverpeno-Borgerhout.
117 F-ino Maertens Irma, Brugo.
118 F-ino Bulcke Marie-Louise, Brugo.
119 F-ino Mahieu Maria, Brugo.
120 S-ro Ems Walther, Düsseldorf.
121 F-ino Boereboom Céleste, Brugo.
122 S-ro Van den Putte J., Antverpeno.
123 S-ino Van den Putte J., Antverpeno.
124 S-ino Latinne H., Antverpeno.
125 F-ino Latinne G., Antverpeno.
126 S-ro Latinne H., Antverpeno.
127 S-ro Latinne R., Antverpeno-Oude-God.
128 S-ino Latinne R., Antverpeno-Oude-God.
129 S-ro Van Wassenhove Léon, Brugo.
130 S-ino Van Wassenhoven Marie, Brugo.
131 S-ro de Bel François, Brugo (St-Kruis).
132 S-ro Hart Petro, Bruselo.
133 S-ino Hart Jeanne, Bruselo.
134 S-ro Segers Raymond, Brugo.

135 S-ro Clothaire Vandevelde, Meirelbeke.
136 S-ino Clothaire Vandevelde, Meirelbeke.
137 S-ro Emile Boone, Mouscron.
138 S-ino Emile Boone, Mouscron.
139 S-ino Yvonne Florin, Lille.
140 F-ino Liliane Florin, Lille.
141 S-ro Oscar Van Dyck, Antverpeno-Deurne.
142 S-ro Marcel Somerlinck, Nieuwpoort.
143 S-ino Marcel Somerlinck, Nieuwpoort.
144 S-ro Leon Debruyn, Nieuwpoort.
145 S-ino M. Elworthy-Posenaer, Eeckeren.
146 S-ro Grégoire Vanden Abeel, Bruĝo.
147 S-ro Delfi Dalmau, Barcelona.
148 F-ino Esther Van Hoe, Nieuwpoort.
149 F-ino Cécile Willems, Bruĝo.
150 F-ino Madeleine Willems, Bruĝo.
151 S-ino Madeleine Larmuseau, Knocke.
152 S-ro Oscar Berteloot, Nieuwpoort.
153 S-ro Alphonse Boussery, Bruĝo.
154 S-ro Edgard Jacques, La Louvière.
155 S-ino André Tassin, La Louvière.
156 S-ro André (filo) Tassin, La Louvière.
157 F-ino Cécile Vande Walle, Houthem.
158 F-ino Betthe Ledène, Bruĝo.
159 S-ro C. H. Bramkamp, Scheveningen.
160 S-ino J. G. Bramkamp, Scheveningen.
161 F-ino J. G. Bramkamp, Scheveningen.
162 S-ro Arpad Lödor, Destelbergen-Gento.
163 S-ro Edmond Lödor, Destelbergen-Gento.
164 S-ro H. Moy Thomas, London.
165 F-ino Gilberte Vandenbossche, Antverpeno.
166 S-ro Jan Mension, Amsterdam.
167 S-ino Johana Mension, Amsterdam.
168 S-ro J. de Logie, Amsterdam.
169 S-ino J. de Logie, Amsterdam.
170 F-ino Elly Staes, Bruselo.
171 F-ino Madeleine Jonckheere, Bruĝo.

*(ĝis la 25-a de Majo)*

---

# 32a Franca Nacia Kongreso

**PENTEKOSTO 1935: ARRAS.**

*Provizora programo :*

SABATE : posttagmeze : superaj ekzamenoj ; vespere : oficiala akcepto de la Komerca Ĉambro. — Teatraĵo.

DIMANĈE : 8a Federacia Kongreso.
10a Tutlanda Kongreso.
12a Akcepto en la Urbodomo.
12.30a Komuna tagmanĝo.
14a dua laborkunsido.
19a oficiala bankedo.
21.30a grandioza balo.

LUNDE : diversaj aŭtoĉaraj ekskursoj.

DETALOJ : Aliĝo, por la membroj S.F.P.E.-UEA: 15 fr. (poste 20 fr.). — Rabatoj : 50 % sur la francaj fervojoj. — Prezoj : tagmanĝo 15 fr. ; bankedo 25 fr.

— Jen kelkaj pliaj landaj Esp-o-kongresoj kun indiko de la urbo kie ili okazos :

Angla : Southend-on-Sea.
Skota : Rothesay.
Kataluna : Ripoll.
Jugoslava : Osijeko.

SED NE FORGESU, ANTAŬ ĈIO, KE LA BELGA OKAZOS EN BRUĜO.

---

# Belga Esperanto-Instituto

**Jarkunsido.**

La unuan dimanĉon de Majo, — la 5an, — okazis en « Witte Leeuw » la laŭstatuta ĝenerala jarkunsido de « Belga Esperanto-Instituto », nia nacia komerca entrepreno, kiu meritas ĉies kunhelpon kaj apogon, precipe de la tempo, kiam ĝi faris la grandan klopodon, iri sur la straton kaj malfermi Esperanto-butikon.

S-ro Vermandere, administranto-prezidanto, prezidis, ĉirkaŭita de la Administrantoj-delegitoj, S-roj M. Jaumotte kaj H. Boffejon, kiu lasta prenis, dum la pasinta jaro, la plej grandan ŝarĝon de la laboro sur sin.

S-ro Vermandere substrekis tiun efektivan laboron kaj speciale gratulis S-ron Boffejon pro tio.

La diversaj punktoj de la tagordo laŭorde estis pritraktitaj. La elspezoj faritaj pro la malfermo de la butiko, ne permesas pagi, nunmomente, rentumon al la kapitalo, sed ĉio antaŭvidigas ke la afero, kiel ĝi nun jam estas, estas videbla.

La kunveno reelektis kiel administranton, S-ron De Ketelaere kaj kiel komisarinon, F-inon Morrens; elektis S-inon H. Schoofs, kiel komisarinon, por fini la mandaton de S-ro Geerinck, kies eksiĝo estas akceptata, kaj notis la eksiĝon de S-ro De Hondt, kiu tamen ne estos anstataŭata. Proksiman jaron, oni reekzamenos tiun lastan punkton.

Kaj, en agrabla atmosfero, la Prezidanto tiam rondirigis la honorvinon.

---

PROFESOROJ : kaptu la okazon de la Bruĝa kongreso por akiri vian diplomon.

---

# La Brusela Ekspozicio kaj Esperanto

Ni jam informis pri la aperigo de prospekto de la Brusela Ekspozicio en Esperanto. Ni refoje instigas niajn legantojn ĝin peti de la administracio de tiu Foiro : Avenue des Arts, 51, Kunstlaan, Bruselo.

Ni efektive devas kunhelpi por ke la klopodoj, kiujn faris nia bona amiko S-ro Lavisse, ne iĝu kontraŭ-Esperanta propagando. Ni montru al la eksterstarantoj, ke ni vivas.

Kun ĉiuj niaj laŭdoj por S-ro Lavisse, ni ankaŭ volas, tie ĉi, valorigi la kunhelpon de S-ro André Baŭdet, la registrara komisaro de la franca sekcio. Al ambaŭ niaj gratuloj.

# LITERATURO

## VICTOR HUGO



### La Grandsalono

*(Sekvo)*

La du ekstremaĵoj de tiu giganta paralelogramo estis okupitaj, unu per la fama marmortablo, tiel longa, tiel larĝa kaj tiel dika, ke neniam, diras la malnovaj bienlibroj, en stilo kiu estus doninta apetiton al Gargantua, oni vidis « *similan marmortranĉon en la mondo* », la alia, per la preĝejeto en kiu Ludoviko la XIa skulptigis sin surgenue antaŭ la Virgulino kaj en kiun li estis forportiginta la statuojn de Karlomagno kaj de Sankta Ludoviko, du sanktuloj, kiuj, laŭ lia supozo, havas kiel reĝoj de Francujo grandan influon en la ĉielo, ne atentante ke tiel li lasis en la vico de reĝaj statuoj, du niĉojn malplenigitajn. Tiu ĉi preĝejeto, ankaŭ nova, konstruita nur de antaŭ ses jaroj, montris en ĉiuj siaj partoj, tiun ĉarman guston je delikata arĥitekturo, je belega skulptarto de pura kaj profunda ĉizelado, kiu indikas ĉe ni la finon de la gotika epoko kaj daŭras ĝis ĉirkaŭ la mezo de la deksesa jarcento en la feaj fantaziaĵoj de la Renesanco. La malgranda aĵurita ŝtonrozo super la pordego speciale estis ĉefverko de delikateco kaj gracieco; ĝi similis al punta stelo.

Meze de la salono, kontraŭ la granda pordo, podiego kun orŝtofo, apoganta sin ĉe la muro, kaj en kiu estis farita speciala enirejo per fenestro de la koridoro de la orumita ĉambro, estis starigita por la flandraj ambasadoroj kaj la aliaj eminentuloj, invititaj okaze de la reprezentado de la Misterludo.

Sur la tablo de marmoro devis esti, laŭ la kutimo, reprezentata la Misterludo. Ĝi estis aranĝita tiucele jam de l' mateno ; ĝia riĉa marmortabulo, tute striita per la kalkumoj de la juĝoskribistaro subtenis ĉarpentan kaĝon videblan por ĉiuj en la salono kaj kiu devis esti uzata kiel teatro. La internaĵo, maskita per tapiŝoj, devis anstataŭi la vestaĵejon por la ludistoj de la teatraĵo. Ŝtupetaro naive starigita ekstere, devis ebligi la komunikadon inter la scenejo kaj la vestaĵejo kaj la forte deklivaj ŝtupetoj utilis por la eniroj kaj eliroj. Eĉ la plej neatenditaj personoj, ĉe okazaĵo subita aŭ neantaŭvidita, devige devis supreniri tiun ŝtupetaron. Naiva kaj respektinda infaneco de l'arto kaj de l'maŝinoj !

Kvar serĝentoj de la prefekto de Parizo, ĉiamaj gardistoj de la plezuroj de l'popolo en tagoj de ĝojo, kiel en tagoj de ekzekuto, staradis ĉe la kvar anguloj de la marmortablo.

Nur ĉe l'bato de la dekdua tagmeza frapo de la sonorilo de la granda horloĝo de la Juĝejo, devis ekkomenciĝi la ludaĵo. Estis vere malfrue por teatra reprezentado ; sed oni devis akcepti la horon de la ambasadoroj.

Nu, tiu amaso atendis de la mateno. Granda nombro inter tiuj honestaj kuriozemuloj frosttremis jam ĉe la elkrepuskiĝo, antaŭ la granda ŝtuparo de la Juĝejo ; kelkaj eĉ deklaris ke ili pasis la nokton transverse de la pordego, por esti certaj ke ili eniros la unuaj. La amaso dikiĝis je ĉiu momento, kaj, kiel la akvo kiu superas sian nivelon, ekleviĝis laŭlonge de la muroj, ŝvelis ĉirkaŭ la kolonoj, elverŝiĝis sur la kronajojn, la kornicojn, la fenestrapogilojn, la elstaraĵojn de la arĥitekturo, la reliefaĵojn de la skulptaĵoj. Tial la ĝeno, la malpacienco, la enuo, la libereco de tago de senhonteco kaj frenezeco, la disputoj, kiuj ekestis ĉiumomente pri pinta kubuto aŭ fergarnita ŝuo, la laceco pro longa atendo, jam donis, longe antaŭ la horo, je kiu la ambasadoroj devis alveni, akran kaj maldolĉan akcenton al la tumulto de tiu enŝlosita, enŝovita, puŝita, subpremita, sufokita popolo. Oni nur aŭdis plendojn kaj malbenojn kontraŭ la flandroj, la provosto de la komercistoj, la kardinalo de Burbono, la prefekto de la Juĝejo, Sinjorino Margareto de Aŭstrujo, la serĝentoj kun vipoj, la malvarmo, la trovarmo, la malbona vetero, la episkopo de Parizo, la papo de Burleskuloj, la kolonoj, la statuoj, tiu fermita pordo, tiu malfermita fenestro ; ĉio tio je l' granda amuzo de la grupoj de lernejanoj kaj de lakeoj, dismiksitaj en la amaso, kaj kiuj al la reganta malkontenteco aldonis siajn incitaĵojn kaj siajn malicaĵojn, kaj kvazaŭ pikis per pinglofrapetoj, la ĝeneralan malbonhumoron.

Estis inter aliaj grupo de ĝojaj demonoj, kiu, elpuŝinta la vitrajon de fenestro, sentime eksidiĝis sur la kronaĵon, kaj de tie laŭvice sendis siajn rigardojn kaj siajn mokojn internen kaj eksteren, al la amaso en la salono kaj al la amaso sur la placo. Laŭ iliaj parodigestoj, iliaj sonoraj ekridoj, iliaj spitmokaj vokoj, kiujn ili interŝanĝis de unu angulo al la alia de la salono kun siaj kamaradoj, oni povus juĝi ke tiuj junaj kleruloj tute ne sentis la enuon kaj la lacecon de la aliaj ĉeestantoj kaj ke ili tre bone kapablis, fari el tio, kion ili havis antaŭ la okuloj, spektaklon kiu permesis al ili pacience atendi la alian.

— Per mia animo, estas vi *Joannes Frollo de Molendino*, kriis unu el ili al speco de eta blonda diablo, kun beleta kaj inteligenta vizaĝo, kaj kiu sin alkroĉis al la akantfolioj de kapitelo ; bone al vi taŭgas via nomo Jehan de Muelilo, ĉar viaj du brakoj kapj viaj du kruroj similas al la kvar muelilbrakoj, en la vento. — De kiam vi estas tie ?

— Per la kompato de l' diablo, respondis Joannes Frollo, jam pli ol kvar horoj kaj mi firme esperas ke tio estos dekalkulata de mia tempo en la Purgatorio. Mi aŭdis la ok kantistojn de la reĝo de Sicilio, kiuj ekkantis la unuan verson de la altmeso de la sepa horo en la Sankta Preĝejeto.

— Belaj kantistoj, rediris la alia, kaj kies voĉo estas pli pinta ol ilia ĉapo ! Antaŭ ol decidi la legadon de Meso je l'honoro de Sankta Johano, la reĝo estus bone farinta, informante sin ĉu sinjoro sankta Johano ŝatas la latinan lingvon psalmkantita kun provenca akcento.

— Estas por utiligi tiujn malbenitajn kantistojn, ke la Reĝo de Sicilio faris tion ! kriis akre maljuna virino en la amaso sube de la fenestro. Ĉu estas permesate ! Mil parizajn funtojn por unu meso ! Kaj tio dank'al la farmigo de la marfiŝo en la Haloj de Parizo, Jen !

— Silento ! Maljunulino, respondis dika kaj serioza viro, kiu al si flanke de la fiŝvendistino, premis la nazon ; oni tamen devis fondi meson, aŭ ĉu vi preferus ke la reĝo remalsaniĝu ?

— Bone dirite, sinjoro Gilles Kornulo, ĉef-peltisto-felisto de la vestaĵoj de la reĝo ! kriis la eta lernejano, alkroĉita ĉe la kapitelo.

Ekridado de ĉiuj lernejanoj salutis la ridindan nomon de la malfeliĉa peltisto-felisto de la vestaĵoj de la reĝo.

— Kornulo ! Gilles Kornulo ! diris unuj.

— *Cornutus et hirsutus*, respondis la aliaj.

— Sed kio ? daŭrigis la eta demono sur la kapitelo. Kial ili do ridas ? Estas honorinda viro Gilles Kornulo, frato de mastro Jehan Kornulo, provosto de la hotelo de la reĝo, filo de mastro Mahiet Kornulo, unua pordisto de la Arbaro de Vincennes, ĉiuj burĝoj de Parizo, ĉiuj edziĝintaj de patro ĝis filo !

Kaj duobliĝis la gajeco. La dika peltisto-felisto, nenion respondante, klopodis malvidigi sin por la rigardoj de ĉiu loko fiksita sur li ; sed li ŝvitis kaj blovis vane ; kiel kojno kiu enprofundiĝas en la ligno, ankaŭ liaj klopodoj nur utiliĝis por pli firme fiksi inter la ŝultroj de liaj najbaroj, lian larĝan vizaĝon apopleksiema, purpura pro spito kaj kolero.

Fine unu el tiuj ĉi, dika, malalta kaj respektinda kiel li, bonvolis lin helpi.

— Abomeno ! lernejanoj, kiuj tiele alparolas burĝon ! en mia tempo oni estu skurĝinta ilin per vergofasko, kun kiu oni poste estus farinta al ili brulon.

La tuta lernejaron ekridegis.

— Holahe ! Kiu kantas tiun gamon ? Kiu estas tiu malbenita sirnio ?

— Ho ! Mi rekonas lin, diris unu ; estas mastro Andry Musnier.

— Ĉar li estas unu el la kvar regulaj libristoj de la Universitato ! diris alia.

— Oni en tiu butiko nur juras per kvar, kriis tria : la kvar nacioj, la kvar fakultatoj, la kvar festoj, la kvar prokuroroj, la kvar elektistoj, la kvar libristoj.

— Nu, aldonis Jehan Frollo, ni faru ĉiu bruegon por kvar.

— Musnier, ni bruligos ciajn librojn.

— Musnier, ni batos cian lakeon.

— Musnier, ni petolos kaj ekscitos vian edzinon.

— La bona dika sinjorino Oudarde.

— Kiu estas same freŝa kaj same gaja, kvazaŭ ŝi estas vidvino.

— Ke la diablo vin forportu ! grumblis mastro Andry Musnier.

— Mastro Andry, daŭrigis Jehan, kiu ĉiam pendis ĉe la kapitelo, silentu aŭ mi faligas min sur vian kapon !

Mastro Andry levis la okulojn, ŝajnis mezuri dum momento la altecon de la kolono, la pezon de la sentaŭgulo, li pense multobligis tiun pezecon per la kvadrato de la rapideco, kaj silentis.

Jehan, venkinto sur la batalkampo, daŭrigis triumfante :

— Nu, mi estus farinta, kvankam mi estas la frato de ĉefdiakono !

— Bela kanajlo, tiuj lernantoj de la Universitato! Ke oni eĉ ne en tiu ĉi tago kapablis respektigi niajn privilegiojn ! Nu, estas Majarbo kaj Ĝojfajro en la Urbo ; misterludo, burleska papo kaj flandraj ambasadoroj en la Civito ; kaj en la Universitato, nenio !

— La Maubert-placo tamen estas sufiĉe granda ! diris unu el la kleruloj, lokita sur la tabuleto de la fenestro.

— For la rektoro, la elektistoj kaj la prokuroroj ! kriis Joannes.

— Ni faros Ĝojfajron hodiaŭ vespere en la Champ-Gaillard, daŭrigis alia, per la libroj de mastro Andry.

— Kaj per la pupitroj de la skribistoj ! diris lia najbaro.

— Kaj per la vergoj de la pedeloj !

— Kaj per la kraĉujoj de la dekanoj !

— Kaj per la bufedoj de la prokuroroj !

— Kaj per ŝrankoj de la elektistoj !

— Kaj per la benketoj de la rektoro !

— For ! aldonis la eta Jehan en kontrapunkto ; for mastro Andry, la pedeloj kaj la skribistoj ; la teologoj, la kuracistoj kaj la dekretistoj ; la prokuroroj, la elektistoj kaj la rektoro !

— Estos do la fino de la mondo ! murmuris mastro Andry, dum li fermis al si la orelojn.

— Nu, dum ni parolas pri la rektoro ! Jen li preterpasas sur la placo, kriis unu el tiuj de la fenestro.

Kaj ĉiuj rigardis al la placo.

— Ĉu estas vere nia respektinda rektoro mastro Thibaut ? demandis Jehan Frollo de la Muelilo, kiu, alkroĉita ĉe kolono je l'interna flanko, ne kapablis vidi, tion, kio okazis ekstere.

— Jes, jes, respondis ĉiuj aliaj, estas li, estas certe li, mastro Thibaut, la rektoro. *(Daŭrigota.)*

Trad. Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 1an de Junio: Klarigoj pri la kongresa urbo Bruĝo (S-ro Faes). — « Bruĝo en niaj du literaturoj » (S-ro Sielens).

La 8-an: Foriro de la gekongresanoj al Bruĝo. Intima kunsido por la aliaj membroj.

La 12an: Malfermo de « Rapidkurso » gvidota de S-ro Jaumotte, ĉiuvespere (krom Sabate kaj Dimanĉe) en lernejo, Belgiëlei, de la 8a ĝis la 9a 1/2. Daŭro 3 sem.

La 15an: Raporto pri la kongreso en Bruĝo. (S-ro Sielens.)

La 16an: La jam dufoje prokrastita ekskurso al Mariaburg.

La 22an: Parolado de S-ro Faes: « Vidindaĵoj ĉirkaŭ Antverpeno ».

La 29an: Jara vizito al la Granda Foiro.

La 30an: Ekskurso al la Gheel-kolonio. Detaloj sciigotaj aparte.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo:** Kunveno ĉiumarde je la 20-a.

La 4-an de Junio, en Muntpaleis, lastaj aranĝoj por la Kongreso. Prezidos: F-ino Y. Thooris.

La 11-an, en kafejo « Vlissinghe »: Raportado pri la Kongreso. Prezidos: F-ino M. J. Vanden Berghe.

La 18-an, en la grupa sidejo: « Gouden Hoorn — Cornet d'Or »: Kunveno kaj foriro AKURATE JE LA 20 1/4-a por Vespera Promenado. — En okazo de malbona vetero la promenado estos anstataŭata per Konversacia Leciono, sub gvidado de S-ro Ch. Poupoye.

La 25-an, en kafejo « Vlissinghe » Kabareda Vespero, organizata de F-ino Yolande Hubrecht kaj S-ro Jef Decoster (prokrastata de la 14-a de Majo).

La 30-an (Dimanĉon), sur la Granda Placo, oficiala sekvantaro okaze de la KOLONIA TAGO. La grupo en ĝi partoprenos kun la flago. Kunveno sur la Granda Placo, je la 10-a.

N.-B. Grupanoj estas troveblaj ĉiumarde ĉe la grupa biblioteko en la sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », je la 19,30-a, kie ankaŭ deĵoras la bibliotekistoj S-roj Ch. kaj J. Decoster por pruntedono de libroj, por vendo kaj mendado de Esperantaĵoj.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

La 3an de Junio: F-ino Obozinski prezidos.

La 10an (Pentekosta lundo): Ne okazos kunsido. (Belga Kongreso en Bruĝo.)

La 17an: S-ro Castel prezidos.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** » — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LIEĜO. — « **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ».

CHENEE: ĉiulunde, je 7-a horo: perfektiga kunveno ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

JEMEPPE: Lernejo Centra, rue Jos. Wettinck, merkredon 5-an de Junio, je 19-a horo, ekzameno pri simpla kapableco.

SCLESSIN: en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay 1, ĵaŭdon, 6-an de Junio, je 19 h. 30: perfektiga kunveno.

LIEĜO: en « Hotel du Phare », place Maréchal Foch, ĵaŭdon, 13-an de Junio, je 20-a horo: perfektiga kunveno.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — La 4an de Majo, okazis diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de S-ro Vermuyten kaj ankaŭ al tiuj de kurso gvidita de S-ro Sielens, en la societo « Les Enfants des Combattants ». En la unua kurso akiris sian diplomon kun granda merito S-roj J. Boutet kaj L. Van Assche; kun merito: S-ro Willy Riga kaj F-ino Van Gilsen; kun sukceso: S-ro J. Drikoningen. En la dua, kun la plej granda merito: G-roj Dupont kaj S-ino Noël, kaj kun merito: S-ro H. Peeters.

S-ro Jaumotte alparolis la diplomitojn, al kiuj li donis konsilojn. S-ro Faes legis la palmareson kaj S-ro Dupont, nome de la lernintoj, dankis en plej taŭgaj vortoj. Agrabla dancado finigis la vesperon.

La 11-an, okazis en amuza atmosfero, la manĝado de la bolitaj kolbasoj « Gezoden Worsten » kaj, tre certe, oni refoje manĝos en la grupo.

La 18-an, S-ro Willy De Schutter faris sukcesplenan paroladon pri Victor Hugo, kies memoron, oni nunmomente honorigas diversloke. Li skizis ties vivon kaj lian grandan signifon en la tempo en kiu li vivis, same kiel ankaŭ en la nuna tempo. Varma aplaŭdo kaj laŭdaj vortoj de la prezidanto esprimis la dankemon de la aŭskultantaro.

La 26an kaj 30an okazis ekskursoj al 's Gravenwezel kaj Bouwel.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 23-an de Aprilo, la grupo kunvenante en la kafejo « Vlissinghe » ricevis la viziton de S-ro J. Fechner, germana samideano el Gladbeck, kaj de F-ino Cécile Vande Walle, samgrupanino el Houthem. Dum tiu vespero okazis amuzaj konkursetoj sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye. La gajnantoj de la premioj estis: 1-a F-ino Suz. Vanden Berghe, 2-aj S-roj H. Campe kaj F. de Bel, 3-a P. De Vooght kaj 4-a F-ino M. Sanders.

La 30-an de Aprilo okazis plia leciono de la supera kurso sub gvidado de F-ino Thooris.

La 7-an de Majo okazis en « Muntpaleis » kantvespero sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj de S-ino Gabrielle Poupeye. La vespero gaje finiĝis per agrabla dancado.

Dum la vespero de la 14-a de Majo, la grupa teatra sekcio provludis la komedieton « Nubetoj » en Muntpaleis, kaj la ĉeestantoj agrable finis la kunvenon interbabilante kaj dancante.

Plie okazis ĉiuvendrede en « Muntpaleis » je la 19.30-a plia leciono de la perfektiga kurso sub gvidado de F-ino Y. Thooris, kaj poste je la 20.30-a dancleciono direktata de S-ro P. De Vooght, dum kiu la grupanoj lernas precipe belan « Lancistan Dancon » kiu estos prezentata dum la kongresa festo.

**LA LOUVIERE. — Esperanto-Grupo.** — Vigle laboras de kelka tempo kaj kun ĝojo dediĉos sin al la organizo de kongreso en 1936, se la estraro de Belga Ligo volas ĝin konfidi al la tiea Esperantistaro.

**LIEĜO. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — Nenio speciale grava okazis en Lieĝo kaj ĉirkaŭaĵo dum la lasta monato.

La perfektigaj kunvenoj de la diversaj grupoj daŭris esti sukcese farataj, laŭ la kutima programo kaj kun sufiĉe multenombra ĉeestantaro.

La komitato pretigis serion de ekskursoj kaj okazigas la unuan el tiuj ĉi dimanĉon 19-an de Majo al Flémalle, Chokier, Les Trixhes, ktp.

La ordinaraj kursoj nun finiĝas kaj la ekzameno okazos en Jemeppe, Ecole du Centre, merkredon 5-an de Junio, je 19-a horo, sub prezido de S-ro Dechesne.

## FAMILIA KRONIKO

### Gratuloj.

— Al nia Direktoro, ĝisnuna unua sekretario de la Ĝenerala Asocio Belga de ĵurnalistoj (sekcio Antverpeno-Limburgo)», kaj kiu iĝis nun ties unua vicprezidanto.

(Koran dankon al la samaj amikoj, kiuj denove ensendis tiun malgrandan komunikon. Sed ĉu mi rajtas diri nun: « N'en jetez plus! ».

— Al Sinjoro Albert Thooris, advokato, membro de la Bruĝa Grupo kaj patro de ĝia Prezidantino, F-ino Y. Thooris, kiu, okaze de lia kvindekjara profesia jubileo, estis honorigita kaj iĝis oficiro en la Leopolda Ordeno.

— Al S-ro Decoster, Edgard, kasisto de « La Verda Stelo », al kiu la Reĝo donis la unuaklasan honorigon civitan, pro multjara deĵoro kiel fakestro en sama oficejo.

— Al S-ro François Cool, membro de « La Verda Stelo », juĝa registristo, kiu iĝis kavaliro de la Ordeno de la Krono.

### Nekrologo.

S-ro FRANS SWAGERS: certe ĉiuj legis en la naciaj gazetoj, pri la aŭtoakcidento kiu forrabis el nia mezo unu el la siatempe plej fervoraj batalantoj por la Esp-o-movado. S-ro Swagers estis prefesoro ĉe la Supera Komerca Instituto en Antverpeno kaj ankaŭ unu el la unuaj belgaj Esp-o-profesoroj. Li verkis la konatan lernolibron « La ĉiutaga Vivo » kaj kantlibreton « La Gaja Kantaro », ankaŭ li estis la aŭtoro de tre bonaj nacilingvaj porstudaj libroj. Li speciale distingiĝis en la skisma periodo pro lia defendo plej energia de la Zamenhofa lingvo.

— La 20-5-'35 mortis subite en Bruĝo, unu el la plej malnovaj membroj de la Bruĝa Grupo, S-ro Leon VANDEPUTTE, ekslernanto de S-ro A. J. Witteryck. Pro lia longjara fideleco al nia idealo, la Bruĝaj samideanoj ne povos lin forgesi.

— La 21-5-'35 mortis ankaŭ subite S-ro Maurice LAVIOLETTE, eksmembro de la Bruĝa Grupo. Al liaj familianoj, kaj speciale al S-ino Algrain kaj al F-ino Andrée Algrain, ni prezentas sinceran kunsenton.

— S-ro A. R. TROTIN: delegito de UEA en Lille. Li estis unu el la plej agemaj kursgvidantoj de la « Federacio de la Esperantistaj Grupoj el Norda Francujo ». Dum sep jaroj li ĉiusemajne parolis pri aŭ en Esp-o antaŭ la mikrofono en Lille.

— S-ro ARNOLD BEHRENDT, kiu mortis la 24an de Februaro en la aĝo de nur 58 jaroj, je kor- kaj renmalsano. Li estis la bone konata prezidinto de la Germana Esperanto-Asocio, ano de la L. K. kaj en la privata vivo poŝtkonsilisto. Li kronis sian longan poresperantan vivon per la prezido de la Kölna Kongreso en 1933, lia lasta oficiala ago. Kvankam li de tiam rezignis ĉiujn postenojn li sendube estus ankoraŭ farinte multon por nia afero sed la kruela sorto ne tion permesis.

— S-ro JOHAN WULFF, konata dana blindul-esperantisto, pioniro por esperanto en la blindulaj medioj de sia lando.

SINCERAN KUNSENTON.

## RADIO-PROGRAMOJ

Diversaj el niaj membroj jam demandis, kial ni ne plu presas la programojn de la radio-dissendoj en Esperanto.

La kialo estas tutsimpla: Ni ne plu ricevas akurate la tekston, kiun oni havigis ĝis nun al ni, el la eksterlando.

Tuj kiam, per la personoj, kiuj sin, internacie, okupis pri la afero aŭ per belgaj amikoj, ni posedas ĝustatempe la necesajn dokumentojn, ni represos.

Dum ni parolas pri radio, ni atentigas pri la bonega laboro, kiun faras, de longa tempo jam, nia bona samideano André Tassin, en « Radio Wallonia Bonne Espérance » (ondlongeco 201 m.). Tiu ĉi sinjoro faris dimanĉon, la 7an de Aprilo, je la 3a, sian *kvindekan* dissendon esperantan antaŭ tiu mikrofono.

Plej korajn gratulojn kaj bonan sukceson.

Ni aldonas tie ĉi, ke en Junio okazos disaŭdigoj la 2an, la 16an kaj la 30an, ĉiam je la 15a horo.

Ĉe vizito, kiun faris al la vigla grupo de La Louvière, S-roj Kempeneers, kaj Petiau, niaj prezidanto kaj sekretario havis okazon paroli antaŭ la mikrofono de « Radio-Walonia ».

# La Gazetaro parolas...

### Redaktas: H. A. R. S.

Sub tiu ĉi rubriko ni regule mencias la interesajn novaĵojn propagandajn kaj movadajn, el la internacia esp-o-gazetaro.

— THE BRITISH ESPERANTIST. — Komence de Oktobro 1935a, Esperanto estos instruata en la Universitato de Liverpool; oni organizos elementan kaj superan kursojn.

— DANSK ESPERANTO-BLAD. — S-ro L. Sinha, la hinda vojaĝema propagandisto parolis pri Esperanto en diversaj urboj de Danlando; entute antaŭ pli ol 10.000 aŭskultantoj. Dank' al lia klopodado la movado en Danujo multe plivigliĝis.

— L'ESPERANTO. — La italaj radiosendstacioj disaŭdigas denun ankaŭ en Esperanto.

— L'ESPERANTISTE FRANÇAIS. — La Parlamenta Grupo, por la Defendo de Esperanto, havas nunmomente 80 membrojn.

— 28 Ĝeneralaj, Arondismentaj kaj Komunumaj Konsilantaroj voĉdonis favore al Espe.anto kaj publikigis deziresprimon pri la enkonduko de Esp-o en la francan lernejon.

— La Komunuma Konsilantaro de Romans donis la nomon de D-ro Zamenhof al publika, urba placo.

— La Komunuma Konsilantaro de Arras (ĉi-jara kongresurbo en Francujo) donis en ĝenerala kunveno, la nomon de D-ro Zamenhof al strato en la urbo.

### Novajoj.

— *KOMIZA GAZETO.* — *Internacia fakgazeto por la tutmonda komerca popolo. N-ro 1: Aprilo 1935 — 4 pĝ.* —

*18,5×26 cm. — Abono (4 n-roj): 1,— sv. kr. — Red.: E. FREDIN, Fako 34, Gunnarstorp, Svedujo.*

Tiu ĉi nova organo havas ankoraŭ la intereson ke ĝi vere estas io nova; ĝi volas prezenti al siaj legantoj, la spertojn faritajn de diverslandaj gevendistoj, por la utilo de ĉiuj komercistoj-legantoj.

Ĝi estas bele eldonita kaj tre plaĉas ankaŭ la enhavo de tiu ĉi unua numero.

— *HEREZULO. — Sendependa revuo por batalado kontraŭ ĉiajn dogmojn. — Red. kaj Adm.: Esperanto, 14 av. de Corbéra, Paris XII^e. — Jarabono (4 n-roj): 6 fr. fr.*

Jen nova « sennaciecema » eldonajo. Ni tuj volas diri al niaj legantoj ke la interkonatiĝo estis tre interesa, la unua numero tre alloga kaj ke la gvidantoj de la organo se ili estas sinceraj, kaj tion ni supozas, celas nur la bonon de la socio, ĉar ili batalos por la *justo kaj libero.* La kunlaborado de S-ro E. Lanti garantias la intereson de la organo ĉar eĉ la plej « naciisma » esperantisto ne dubos pri liaj esperantaj kvalitoj.




Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.